# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 19/03/2012 Tridekoka Eldono 2012 19/03/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## HELPO URĜE BEZONATA

Mi estas la redaktoro kaj eldonanto de la dumonata retgazeto *Mirmekobo*. Mi ankaŭ posedas kaj administras ĝian retsiton http://mirmekobo.com.

Mi tre urĝe bezonas helpanton por plupreparado de tiu retsito. Mi havas neniun sperton pri la preparado kaj administrado de retsitoj. Mi nun renkontis teknikan problemon pri la aldono de novaj eroj en tiu retsito. Sen solvi tiun problemon, ne eblos plu aperigi informojn en tiu retejo. Ne temas pri manko de mono, temas pri mia manko de scio pri la detaloj de preparado de retsito.

Ĉu iu esperantisto en Aŭstralio havas sperton pri la pretigado de retsito(j), kaj akceptos helpi min en la teknika pretigado de la enhavo de la retsito? Se jes, bonvolu sendi mesaĝon al mi ĉe la URL donbroadribb@mirmekobo.com. Mi ripetas ke tia helpo estas urĝege bezonata!

Donald Broadribb donbroadribb@mirmekobo.com

NUNONIA Nun Nia" **Novaĵo de la Mondo. Esperante** http://nunonia.com/

Monda ĵurnalo, ĝisdata novaĵo, bona esperanta ekzercado, LEGU

## GRAVAJ DATOJ

(se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

Jonatthan Cooper prelegas pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

## Nova Esperanto kurso Adelaido 4a majo trevor.steele99@gmail.com

U3A, la Universitato de la Tria Aĝo, akceptis proponon de Trevor Steele okazigi kurson de Esperanto ĉe la adreso The Box Factory / Regent Street South / Adelaide City.
La kurso komencig'os vendredon la 4-an de majo kaj daŭros preskaŭ ĝis la jarfino. Po 90 minutoj ĉiun vendredon.
Se vi konas iun en Adelajdo, kiu pripensas lerni Esperanton, jen bona oportuno. La retadreso de Trevor estas <trevor.steele99@gmail.com>.




Ŝargi ŝarĝi sendis Nicole Else nicole@cryogenic.net

**Lingvaj eraroj trovitaj** en "Aŭstraliaj Esperantistoj"
Ne silente kritiki, .Skribu, informi nin.

La Aŭstraliaj Esperantistoj Novaĵa letero estas elsendata kiam estas sufiĉaj novaĵoj en ĝi.
Nenio novaĵo Nenio "Aŭstraliaj Esperantistoj"

## Vortoj de "Lernu"

Plenigaĵo de paĝo

DIABLO
1. Plej alta spirito de malbono, ribelinto kontraŭ Dio kaj tentanto de homaro:
Ne voku diablon, ĉar li povas aperi.
2. Ĉiu el la ribelintaj anĝeloj, mokmalica spirito kaj infera turmentanto:
La diabloj vin prenu!
Ĉirkaŭ sanktuloj diabloj vagas.
Diable! Mi perdis la monujon!
3. Malvirta, tro petolema persono:
Li estas vera diablo kun la virinoj!
Vizaĝo agrabla kaj ungo diabla.
Ne faru diablaĵojn kiam mi forestos.
La infano estas vera diableto!
Tiu diablino min trompis!

PAKO
Aro da objektoj, kunligitaj aŭ kunaranĝitaj por esti protektataj aŭ pli facile transporteblaj:
Pli kostas la sako, ol la tuta pako.
Mi jam pakis miajn aĵojn por la vojaĝo.
Forportu vian pakaĵon kaj havaĵon!
Vi ricevis iun paketon.
Ni pakiĝis en la vagonaro.
Ĉu vi jam elpakis la donacojn?
Enpakiĝu kaj foriĝu.
Ĉi tiuj bombonoj vendiĝas senpake / nepakite.

BULO
Peco de pli-malpli knedebla materio, kun proksimume globa formo:
Lia koro fariĝis bulo da glacio.
Mi uzis bulan liston por prezenti programerojn de la aranĝo.
Ni manĝis supon kun bongustaj buletoj el viando.
La knabino buliĝis en la lito.
La nuboj kunbuliĝis en unu grandan mason.
La katido ludis kun fadenbuloj.
Infanoj ĵetadis neĝbulojn unu al la alia.
Donu al mi panbulon, mi petas.
Oni kutimas ĵeti terbulojn sur la ĉerkon.